# EKSPERIMENTO PRI LA INSTRU'PROGRAMO DE ESPERANTO EN HUNGARIO

Ek-de la jaro 1981, hungaraj gimnazi'anoj de triaj klasoj povos elekti Esperanton kiel dev'igan stud'objekton. Ili lernos ĝin dum du jaroj, po du studo-horoj semajne.

Du gimnazioj (Gimnazio Thuri György en *Várpalota*, H—8100: Gimnazio Bányai Júlia en *Kecskemét*, H—6000) nun faras eksperimenton pri la instruprogramo kun 23 gelernantoj. La grupon de Kecskemét jam vizitis s-ro *Hermann Behrmann* el FR Germanio, kaj f-ino *Ĉizuko Tadaiŝi* el Japanio. (Vidu la foton!) La lernantoj de ambaŭ gimnazioj bone progresas.



juna amiko

INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO REVUO

★

APRILO 1980 7-A JARO, N-ro 1 (20)

juna amiko

Nemzetközi eszperantó diáklap

Megjelenik évente háromszor
VII. évfolyam,
1. szám, 1980
Felelős szerk.:
Kurucz Géza
Kiadja
a Magyar Eszperantó Szövetség
Budapest,
Kenyérmező u. 6.
1081
Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült
a Nyírségi Nyomdában
4000 példányban
Felelős vezető:
Jáger Zoltán
80. — 73 027

TASKO DE ĈIU ESPERANTISTO: PROPAGANDI LA REVUON INTER LA KOMENCANTOJ

Per tiu ĉi bela poemo de la Nederlanda haveno-labor'isto[1] *Lodewijk Cornelis Deij* (: daj, 1919—), fama Esperanto-poeto, ni volas atentigi pri la terurajôj de la dua monda milito, kiu finiĝis antaŭ 35 jaroj.

*Lodewijk Cornelis Deij*

## AL LA JUDA[2] FOR-IR'INTO

Li fermis la kofron[3], man'premis — adiaŭ!
Sen ia protesto[4] li iris... Hodiaŭ,
mi tion komprenas; LI povis nur miri;
ke MI, la Krist'ano[5], lin lasis for-iri.

Kun kapo klin'ita la kofron li portis.
Li iris la vojon al Auschwitz[6] kaj mortis
sen ia protesto... LI povis nur miri,
ke MI, la kristano, lin lasis foriri.

Kaj, iam, la filo kun filo parolos.
Kaj tiu demandos; la veron li volos.
La mia silentos... kaj povos nur miri,
ke Mi, la kristano, LIN lasis foriri.

Ni sentis kompaton kaj monon kolektis,
dum kelkaj, el ni, la infanojn protektis[7]...
Sed Auschwitz EKZISTIS!
Nu, kion plu diri?
Ke MI kaj ke VI... ni lin lasis foriri.

1. haveno: al-bord'ejo por ŝipoj/ 2. judo: ĉiu el certa speco de homoj, kiuj estis turmentataj de Hitler'anoj/ 3. granda valizo/ 4. protesti: levi sian voĉon kontraŭ io; malakcepti/ 5. Kristo: la filo de Dio/ 6. = aŭŝvic/ 7. protekti: defendi; ŝirmi; zorgi pri iu.

**Sándor Szathmári:**

# LA FALSA AUGURO[1]

La reĝo de *Atlio*[2] sendis voki sian intimulon[3] *Serva,* la ĉefon de la kort'ega konsilio[4].

„Nun", li diris, „kiam la popolo de nia lando festos la dekan jaron de nia regado, ĝi volos fari riĉajn donacojn al ni. Sed tion vi ja scias pli bone ol ni".

„Ho jes. La Templon[5] de la Danko-diro, la Obeliskon[6] kaj vian Statuon[7]".

„Ni dankas; ne daŭrigu! La planojn ni jam konas bone. Ni vokis vin, ĉar ni sentas, ke ankaŭ nia patreca koro devas iom rekompenci[8] la popolon pro ĝia fidel'eco kaj donac'emo. Ĉu ne?"

„Via popolo jam en-fermis vin en sian koron, ho reĝo, filo de la dioj!"

„Nu jes, tion ni ja scias. Sed estus des pli konvene, ke ankaŭ *ni* donacu ion al la popolo."

„Ĉu, eble, vi pensas pri ia templo aŭ . . . ?"

„Eĥ, ne pri tiaĵoj kiuj kostas multan monon. La popolon jam pli ol sufiĉe ŝarĝas ĝiaj propraj donacoj. Kial ĝin ŝarĝi ankaŭ per la niaj?" ,

„Sen-lima estas la boneco de via koro, ho reĝo de la reĝoj!"

„Ni pensis pri amnestio[9] al la malliber'uloj."

„Kiel do, reĝa moŝto ? !" timiĝis Serva. „Ĉu vi liberigus

1. antaŭ-diro/ 2. nomo de el-pens'ita lando en la iama Atlantiso/ 3. tre proksima amiko/ 4. konsil'ant'aro/ 5. preĝejo/ 6. alta bela ŝtono star'ig'ita por la memoro de iu aŭ io/ 7. skulpt'ita figuro de homo/ 8. fari al iu ion bonan pro far'ita servo/ 9. nul-igo de puno/ 10. arta trinko-vazo/ 11. fidas al iu ion fari/ 12. gardisto de malliber'uloj/ 13. nom'aro en certa vico/ 14. intence mortigis homon/ 15. granda komerca kun-veno/ 16. tre malgravaj aferoj/ 17. perei: morti; neniiĝi/ 18. publike diris aŭ sciigis/ 19. malkovro per super-naturaj vojoj/ 20. malrespektemo/ 21. tute pere'igi/ 22. respekto-plena al-parolo al grandpova sinjoro/ 23. esprimis sian opinion, est'ante certa pri ties ĝusteco/ 24. groto: granda malplen'aĵo en monto/ 25. malfido en venko/ 26. pastro: religiulo/ 27. herezo: instruo kontraŭa al tiu de iu religio/ 28. laŭda dis-kon'igo pri io/ 29. malliberigis/ 30. veneno: mort'iga trinkaĵo/ 31. patrioto: homo, kiu amas sian patrion/ 32. dis-pec'igi per batoj/ 33. pompo: festa aspekto.



eĉ vian kuiriston, kiu ŝtelis vian oran pokalon[10]?"

„Nu, kompreneble, ni ne pensis pri *li*. Ĝuste tial, ni sendis voki vin. Ni komisias[11] vin pri-esplori — per via saĝo kaj fidelo —, kiu do povos ricevi amnestion aŭ malpli-iĝon de sia puno. Sed ni opinias, ke vi jam aŭdis kaj komprenis ĉion. Iru do plenumi vian taskon!"

*

„Nu, nia kara servisto, provoso[12] *Patra*, donu al mi la liston[13] de la malliberuloj!"

Patra al-portis la liston kaj, sin klin-inte profunde, transdonis ĝin al la ĉefa konsilisto Serva.

„Do ni iru laŭ-vice! Jen estas: »Brut, rabisto«. Liaj kulpoj?"

„Li murdis[14] malriĉajn komercistojn, dum la foiro[15]."

„Ĉu nur tiaj bagateloj[16]? Amnestion al li. Plue! Sekvas Talme. Kiel li krimis?"

„Li ŝtele akiris militajn sekretojn, kaj informis, pri ili, la regist'aron de *Antissa*[2]."

„Hm. Afero pli grava. Kia estas lia puno?"

„Dum-viva mallibereco."

„Ĝi iĝu malpli longa je du jaroj. La tria estas Rata. Kion li faris?"

„Eble, vi jam scias tion. Li estas falsa aŭguristo."

„Jes; mi memoras pri io... pri land'pereo[17]..."

„Jes, jes. Pri la murmuroj, kiuj antaŭ du monatoj aŭdiĝis el sub la tero, niaj aŭguristoj deklaris[18] unu-anime, ke ili estas dia revelacio[19]: dio *Kantra* koleras, kaj li atentigas nian

landon, ke li ne toleros plu la impertinentecon[20] de Antissa. Li postulas, ke ni ekstermu[21] ĝian popolon. Tial, nia reĝa moŝto[22] tiam ordonis armadon kontraŭ tiu lando."

„Jes", diris Serva. „Mi scias eĉ, ke Rata havis ian opinion kontraŭan. Kion li diris?"

„Mi ne miras, grand'sinjora moŝto, ke vi ne scias tion precize, kvankam vi scias ĉion. Sed estis severa ordono malhelpi la dis-vast'iĝon de la danĝeraj instruoj de Rata."

„Kion, do, li asertis[23]?"

„Tion, ke la murmuro ne rezultas de la kolero de la dio Kantra, sed ke ĝi estas nura tero-tremo. En la tero-profundo estis grotoj[24]; ili en-falis, kaj ties bruon ni aŭdis. Li havis la kuraĝon deklari ke, post du monatoj, nia kontinento malaperos en la oceano. Do, ni ne armadu nin! Sed, prefere, ni inter-pac'iĝu kun Antissa."

„Terura defetismo[25]!"

„Sed, feliĉe, niaj pastraj[26] moŝtoj tuj kontraŭ-agis. Ili deklaris liajn instruojn herezaj[27]; ili pruvis el la Sanktaj Libroj, ke nia lando staros ĝis la senfino de la tempoj — ĉar tiel ordonis la dio Kantra —, kaj ke la kolero de la dio murmuris unua-vice kontraŭ tia-specaj herezuloj. Sed, poste, ili ekkonis, ke ĉia deklarado kaj publika diskuto estus nur reklamo[28] por Rata kaj liaj instruoj. Oni do arestis[29] lin, forbrul'igis liajn skribaĵojn, malliber'igis lin mem kaj nuntempe, oni jam malliberigas eĉ tiujn, kiuj nur mencias liajn fiajn instruojn. Kaj . . . ĉu vi volus amnestii tian fi-ulon?"

„Ne, tute ne, neniel!", ekkriis Serva. „Kiel, do, li puniĝas?"

„Per dum-viva mallibereco."

„Ne sufiĉe! Eble, li povos liberigi sin kaj plue veneni[30] la animojn, ruinigi la patriotajn[31] kaj religiemajn morojn kaj, per tio, frakasi[32] la kredon de la homoj al nia est'ont'eco. Oni ĵetu lin al la sovaĝ'bestoj! Lia morto faros la jubileajn ludojn pli pompaj[33]."

*

Tio okazis en *Atlantiso* nur unu monaton antaŭ ties malapero en la profundon de la maro.

Iom mallong'igis: *G. Kurucz*

GRAVA INFORMO!

De 1981, JUNA AMIKO aperados en januaro, aprilo kaj septembro. Per la novaj aper'datoj ni intencas pli bone adaptiĝi al la lerno-jaro.

# LA RUĜA

Mizero[2] kaj sufero de miloj da vund'itoj, dum la aŭstra/franca batalo apud *Solferino* (en norda Italio, la 24-an de junio 1859), instigis[3] la Ĝenev'anon *Jean Henry Dunant* (: ĵan onri dinan) voki la popolojn al kun-agado, per sia libro *„Re-memoro pri Solferino"* (1862). Dank' al *Dunant* kaj al lia amiko, la svisa armeestro[4] generalo[5] *Dufour* (: difur), kaj al pluraj help'antoj, en la jaro 1864 povis okazi la *Ĝeneva Konvencio*[6]; kaj tiam ek-estis la *Internacia Ruĝa Kruco.* La inter-konsenton, kiu celis la mildigon[7] de la sorto de milit'vunditoj kaj milit-kapt'itoj, en 1906 oni pli-ampleks'igis[8], kaj 35 ŝtatoj oficiale[9] akceptis ĝin.

Kiel signon de protekto[10] kaj sekureco[11] por flegistoj kaj lazaretoj[12], oni adoptis ruĝan krucon sur blanka kampo. Ĝi estas la svisa standardo[13] en inversaj[14] koloroj. (La svisa standardo havas blankan krucon sur ruĝa kampo.)

De tiam, la organizo *„Ruĝa Kruco" (RK)* agis por la bono de tre multaj sufer'antoj. La devizo[15] de la Ruĝa Kruco estas latine: *„INTER ARMA CARITAS" („Inter armiloj estu kompato bon'fara").* La tut'monda Ruĝa Kruco konsistas el samnomaj landaj societoj[16] (nun, en 1980: en-tute 125).

Alia grava dato en la disvolviĝo de la RK-ideo estis la 5-a de majo 1919. Tiam, dank' al la klopodoj[17] de *Henry P. Davidson* (Uson'ano), oni kreis, en *Parizo,* la tegmentan organizaĵon: la tutmondan Ligon de ĉiuj naciaj RK-societoj.

Ek-de la embria[18] stato ĝis la plena dis-flor'iĝo kaj efektiviĝo de la ideo de *Dunant,* pasis tiam malpli ol 60 jaroj. Tio estis granda sukceso.

Dum sia historio, la Ruĝa Kruco ne perdiĝis en vanaj diskutoj. Kelkaj Islam'anoj[19], ekzemple, ne konsentis akcepti la simblon[20] de kruco. Oni deman-

# KRUCO



dis ilin: Kion, do, vi deziras? La Irana landa societo volis adopti, kiel simbolon, ruĝan leonon[21] kun suno. La Ligo akceptis la proponon, ĉar gravas ne la simbolo, sed la celo! Irano do uzas leonon. Simile, 19 landaj societoj rajtas uzi lun'arkon anstataŭ kruco. La principo[22] estas: *„Estimi ĉiujn gentojn, kaj celi aktivan pacon per laboro en bon'koreco kaj modesteco."*

*W. Perrenoud-Theis*
(Svislando)

1. celado/ 2. stato, inda je kompato pro granda malriĉ'eco aŭ malfeliĉo/ 3. puŝis al ago/ 4. armeo: milit'ist'aro/ 5. alt'ranga militisto; estro de armeo/ 6. inter-regna internacia inter-konsento/ 7. milda: ne-akre efika al la sent'organoj/ 8. amplekso: grado de grandeco aŭ de en-havo/ 9. oficiala: akcept'ita de rajto-hava komitato aŭ de ŝtato/ 10. defendo; ŝirmo/ 11. maldanĝer'eco/ 12. lazareto: malsanul'ejo por soldatoj/ 13. nacia flago/ 14. inversa: en reciproke interŝanĝ'ita formo/ 15. atento-frapa frazo/ 16. societo: unu el sam'celaj grup'iĝoj/ 17. penado por atingi rezultojn/ 18. embrio: komenca stato de evoluo de vivanta estaĵo/ 19. Islamo: religio, kies simbolo estas lun'arko/ 20. simbolo: bildo, kiu vekas en ĉiu homo la saman ideon/ 21. kato-simila granda rabo-besto; la reĝo de la bestoj/ 22. fundamenta veraĵo.





# UKRAINA

*Du vilaĝ'anoj paroladas sur la strato. Unu rakontas; alia aŭskultas.*

*„Iam mi estis en Poltava."*

*„Kion vi faris tie?"*

*„Mi aĉetis sakon da pizoj."*

*„Bona afero."*

*„Jes, bona; sed ne tre."*

*„Kial?"*

*„Car mi vizitis kelkajn drinkejojn[2]; mi trinkis — eĉ drinkis — dek dekdu glasojn da brando[3]; kaj kiam mi re-venis, mi estis iom ebria, kaj falis sur la strato kun mia sako. La pizoj dis-kuris sur la tero."*

*„Malbona afero!"*

*„Malbona; sed ne tre!"*

*„Kial?"*

*„Car ne ĉiuj pizoj falis el la sako. Multaj el ili restis en ĝi; kaj mi plantis tiujn pizojn en mia ĝardeno, kaj ili bone kreskis."*

# POPOLA ANEKDOTO[1]

„Bona afero!"

„Bona; sed ne tre!"

„Kial?"

„Ĉar la porko de mia najbaro en-kuris en la ĝardenon, kaj difektis la tutan plantaĵon."

„Malbona afero!"

„Malbona; sed ne tre!"

„Kial?"

„Ĉar mi prenis mian tranĉilon kaj buĉis[4] la porkon. El ĝia karno[5] mi faris bonajn ŝinkojn[6], kolbasojn kaj porkaĵojn."

„Bona afero!"

„Bona; sed ne tre!"

„Kial?"

„Ĉar en iu tago, la hundo de la vilaĝa pastro[7] enkuris en mian domon; ĝi saltis en la kuirejon kaj for-manĝis la ŝinkojn, kolbasojn kaj porkaĵojn."

„Malbona afero!"

„Malbona; sed ne tre!"

„Kial?"

„Ĉar, denove, mi prenis mian tranĉilon, mortigis la hundon, kaj faris el ĝia felo belan pelto-mantelon[8] por mia edzino."

„Bona afero!"

„Bona; sed ne tre!"

„Kial?"

„Ĉar en la posta dimanĉo, mia edzino iris al la preĝejo; kaj tie, la pastro re-konis la felon de sia hundo en ŝia pelto, kaj li for-prenis ĝin de mia edzino."

„Malbona afero!"

„Malbona; sed ne tre!"

„Kial?"

„Ĉar por plendi, mi iris al la juĝisto; kaj, en la tribunalo[9], oni kondamnis[10] la pastron. Li devis re-doni la pelton al mia edzino."

„Bona afero!"

„Bona; sed ne tre!"

„Kial?"

„Ĉar por gajni la proceson[11], mi devis donaci ion al la juĝisto, kaj mi donis al li mian bovinon."

„Malbona afero!"

„Malbona; sed ne tre!"

„Kial?"

„Ĉar mia bovino estis jam tre tre tre-ege malsana; kaj, post unu semajno, ŝi mortis en la stalo[12] de la sinjoro juĝisto."

El „Kursa lerno-libro"
de E. Privat

Se la anekdoto plaĉas al vi, vi povas ĝin prezenti en iu amuza programo de Esperanto-grupo.

1. mallonga kaj sprita rakonto/ 2. drinki: trinki ebriigan trinkaĵon senmezure/ 3. forta sen-kolora drinkaĵo/ 4. mortigis beston/ 5. la sub-haŭta molaĵo de viv'uloj/ 6. ŝinko: femuro de porko/ 7. religiulo/ 8. pelto: prilabor'ita felo/ mantelo: longa supra vestaĵo sen manikoj/ 9. juĝejo; juĝist'aro/ 10. juĝe konstatis ies kulpecon/ 11. proceso: juĝo-afero/ 12. bestejo; ĉi tie: bovejo.

# KANTU!

## HO, MIAJ KARAJ KANTOJ...

Poeto kaj komponisto: *Vojtech Heimlich*

*Animato*




*Ho, miaj karaj kantoj,*
*vi birdoj de mia spirito*
*kaj fruktoj de mia koro;*
*ho, nun vi flugu al la mondo!*

*Ĉie kantu belajn kantojn*
*pri la amo kaj la paco!*
*Anoncu al la homoj,*
*ke jam venis la tempo de amikeco!*

*Ĝusta solvo de la enigmo (n-ro 17, paĝoj 12-a kaj 13-a)*

1. Uschi Glas (germana); 2. Ivan Darvaŝ (hungara);
3. Peter Sellers (angla); 4. Joanna Shimkus (angla);
5. Marcello Mastroianni (itala); 6. Marie José-Nat (franca);
7. Anna Karina (dana); 8. Roger Moor (angla).

Per sen-erara solvo gajnis jar-abonon al Juna Amiko *Stefano Ertl*, BUDAPEST (Kecskeméti u. 13.) 1053. Gratulon!

# PIF FIS'KAPTAS



1. *Pif estas sur la bordo; la fiŝo en la akvo.*



2. *Kiu, nun, estas sur la bordo, kaj kiu en la akvo?*

Iam, oni demandis la faman film'aktoron[7] Charlie Chaplin (: ĉarli ĉeplin), kiel li opinias pri la Parizaj virinoj. Li respondis jene:

„Kiam Pariz'an'ino estas 20-jara, ŝi estas admir'eg'inda[8]. La 30-jaraj Parizaninoj estas nerezisteblaj[9]. Kaj kiam ili estas 40-jaraj, ili estas ĉarm'egaj."

„Kaj la Parizaninoj super 40 jaroj?"

„Pardonu; sed tiaj tute ne ekzistas", protestis Chaplin.

1. reg'anto kun absoluta povo/ 2. versa verko/3. kunfrapis la manojn pro plezuro/ 4. krom/ 5. verkisto de poemoj/ 6. diris pri-juĝon super li/ 7. artisto de kinofilmo/ 8. inda je granda mir'ego/ 9. rezisti: kontraŭstari.



# ANEKDOTOJ



## *FILOKSENOS*

*Dionisios, la tirano[1] de Sirakuzo, verkis poemojn[2] kaj voĉe legis ilin antaŭ publiko.*

*Iu-foje, kiam li prezentis siajn poemojn, ĉiuj aplaŭdis[3], escepte[4] de la poeto[5] Filoksenos.*

*„Ĉu miaj poemoj ne plaĉas al vi?", demandis lin la tirano.*

*„Ne. Ili estas malbonaj", respondis Filoksenos.*

*La tirano kondamnis[6] la poeton al pun'laboro en ŝton'minejo; sed, post kelkaj monatoj, liberigis lin.*

*Post tiom da tempo, Dionisios denove legis siajn poemojn publike. Filoksenos, kiu ĉeestis, subite levis sin kaj ek-iris.*

*Dionisios ekkriis: „Kien vi iras?"*

*„En la ŝtonminejon!", respondis la poeto.*

# KASTORA LETERO
## De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*Jam denove estas aprilo, la monato kiu, en mia lando, estas kon'ata pro la pluvo-duŝoj*[1]*! (Ekzistas homoj, kiuj diras, ke ĉiuj aliaj monatoj estas konataj pro longa pluv'ado, sed ili ŝercas! — nu, ili duone ŝercas!) Fakte, en mia lando, aprilo kutime estas bela monato, eĉ kiam pluvas; ĉar, fin'fine, la printempo al-venis, kaj la arboj kaj heĝoj*[2] *estas verdaj; kaj ni scias, ke la somero baldaŭ venos. Mia frato, tamen, kiu loĝas en Nov-Zelando, ne multe ŝatas tiun monaton, ĉar tie komenciĝas la vintro!*

*Nun mi havas, por vi, rakonton pri fama virino, pri kiu oni ankoraŭ memoras pro ŝiaj laboroj por pli-bon'igi la vivon de multaj malfeliĉuloj, aparte de tiuj, kiuj estis malliberaj.*

### ELIZABETA FRY (: fraj)

Antaŭ du-cent jaroj, en majo 1780, naskiĝis knabino, *Elizabeta Gurney* (: georne), unu el dek-du gefiloj de la kvakero[3] *Johano Gurney.* La patrino baldaŭ mortis, kaj la plej aĝa filino. Katerina devis eduki siajn dek-unu gefratojn. Kiam Elizabeta estis 18-jara, maljuna kvakerino diris al ŝi, ke ŝi estos „lumo al la blinduloj[4], parolo al la mutuloj[5] kaj piedoj al la kripluloj[6]"; kaj la junulino ekkredis, ke ŝi havas gravan taskon por fari, kvankam ŝi ne sciis, kio ĝi estas.

En la jaro 1800, ŝi edzin'iĝis al *Jozefo Fry,* riĉa kvakero, kaj ek-loĝis en *Londono.* Ŝi fariĝis patrino, kaj havis dek-unu infanojn; sed malgraŭ la granda familio, ŝi helpis malriĉ'ulojn, komencis lernejon por lokaj infanoj, kaj malfermis supo-disdon'ejon por sen-hejm'uloj.

Iun tagon, iu sinjoro el *Usono* vizitis gesinjorojn *Fry.* Li vizitis faman malliber'ejon en *Londono,* kaj estis profunde skuita pro la vivo-stato de la malliberuloj. Amas'ig'itaj kune, estis murd'intoj[7], frenezuloj[8], sen-kulpaj homoj (kiuj atendis juĝon), ŝuld'antoj[9] kaj multaj aliaj. La aero estis malfreŝega kaj odor'aĉa.

Elizabeta tre malĝojis pro tiu rakonto, kaj ŝi iris al la malliberejo, por peni helpi la virinojn tie. Estis 300 da ili, kun multaj infanoj, en kvar ĉambroj. Ili estis tiel sovaĝaj, ke la gardistoj en-iris nur du-ope; sed Elizabeta decidis eniri sola.

Ŝi tra-iris la pord'ejon inter la amason de kri'eg'antaj kaj batal'antaj virinoj. Neniu scias, kion ŝi unue diris al ili; sed ili tuj ek-silentis. Ŝi havis fidon, ke ili ne faros al ŝi malbonon, kaj ili sentis tion; tial, ili faris nenion kontraŭ ŝi. Ŝi aparte montris intereson pri la infanoj, kaj la patrinoj moliĝis pro tio.

Kiam ŝi hejmen-iris, ŝi star'igis komitaton de sinjorinoj por kolekti materialojn por kudri vestojn, aparte por la infanoj. Ĉar ŝi mem estis patrino, ŝi sciis, ke eĉ la plej malmola krimulino devas havi iun senton por siaj et'uloj. Do, ŝi donis al ili manĝaĵon kaj vestaĵojn. Poste, ŝi trovis taskojn por la virinoj, por ke ili ne pasigu la tempon per kverelado[10] kaj vana plendado. Ili kudris, kaj ŝi sukcesis vendi la lit'kovr'ilojn, kiujn ili faris, por ke ili havu iom-ete da mono, kiam ili estos ree liberaj.

La oficistoj de la malliberejo ĉiam kontraŭis ŝin kaj diris, ke ŝi malsukcesos, ĉar la virinoj estas malbonaj kaj ne-dankemaj; sed ŝi restis firma malgraŭ ĉiuj iliaj kontraŭoj. Alta-rangaj kaj gravaj personoj, kiuj vizitis la malliberejon, miregis, kiam ili vidis la rezultojn de ŝiaj penoj. Anstataŭ la krieg'antaj kaj ĉifone[11] vest'itaj virin'aĉoj, ili vidis zorge vestitajn virinojn, kiuj laboris kviete en grupoj, kaj la tuta loko estis pli pura kaj bon'orda ol, iam antaŭe, ili vidis ĝin. S-ino *Fry* legis al la virinoj el la Biblio[12], kaj la vizit'antoj devis atendi, ĝis ŝi finis, ĉar ŝi diris, „mi neniam permesas interrompon dum la legado de la Biblio".

Subite, ŝi trovis sin fama. La gazetoj multe pri-skribis la laboron de tiu virino, kiu tiel kviete, sed sukcese en-iris en la labor'kampon de la viroj — memoru, ke ni parolas pri la fruaj jaroj de la 19-a jar'cento! — kaj la reg'ist'aro petis ŝin fari raporton[13] pri la malliberejoj. Pro ŝia ekzemplo kaj konstanta peteg'ado, oni faris multajn pli-bonigojn en la mallibereja organizado, kaj laŭ-grade oni lernis, ke oni ne povas for-igi la krimon per kruela[14] kaj sen-kompata agado kontraŭ la krimuloj. (Estas tre bedaŭrinde ke, preskaŭ 200 jarojn poste, kelkaj landoj ankoraŭ ne lernis tion!)

*Elizabeta Fry* mortis en la jaro 1845; ŝi estis 65-jara, el-ĉerp'ita pro sen-ĉesa laboro, sed am'ata de siaj geamikoj kaj siaj samland'anoj. En ŝia epoko, oni opiniis, ke la virino ne havas alian lokon ol en la hejmo; kaj *Elizabeta Fry* estis unu el tiuj, kiuj komencis la liberigon de la virinoj.

## NIA KORESPONDA SERVO

*Ne forgesu, ke la Kastora Klubo havas sian propran Korespondan Servon. Vi bezonos plum'amikojn por atingi la pli altajn gradojn de la Klubo! Skribu al la per-anto: S-ino Barbara Chmielewska / ul. Pulawska, 3 m 11 / PL—02—515 VARSOVIO / Pol-*

*lando. Se vi preferas havi onklon aŭ onklinon en alia lando, skribu al GEONKLOJ ESPERANTISTAJ, ĉe la adreso de la Ĉefa Kastoro: 3 Berwick Avenue / URMSTON / Manchester / Britio, M31 1PS.*

## NIAJ PROMOCIITOJ

Jenaj membroj atingis pli altajn gradojn inter nia lasta listo kaj la fino de decembro 1979:
FARIĜIS BRUNAJ KASTOROJ:

929 *M. M. Lopez Lara* (Kolombio), 930 *G. Stracke* (F. R. Germanio), 931 *E. Siebel* (F. R. Germanio), 932 *A. Sinno* (F. R. Germanio), 933 *B. Stracke* (F. R. Germanio), 934 *D. Sinno* (F. R. Germanio), 877 *Z. Vargha* (Hungario).

1. mallonga pluvado/ 2. bariloj el kreskaĵoj/ 3. Krist'ana grupo, kiu kredas pri simpla vivo/ 4. tiuj, kiuj ne povas vidi/ 5. tiuj, kiuj ne povas paroli/ 6. tiuj, kiuj ne povas marŝi/ 7. tiuj, kiuj mort'igis homon/ 8. mense malsanaj homoj/ 9. tiuj, kiuj ne povas pagi por tio, kion ili aĉetis/ 10. mal-pac'ado/ 11. kun el-uz'itaj vestoj/ 12. la sankta libro de la Krist'anoj/ 13. skrib'itan rakonton/ 14. sufer'iga.

## PAROL'TURNOJ KAJ DIR'MANIEROJ

*En-iri kune kun la pordo* (Forte en-puŝi la pordon, kvazaŭ en-fali en ies loĝejon)
*Renversi ion ĝis fundo fundamenta* (radike ŝanĝi aŭ ali'formi ion)
*Kapti la okazon* (frukto-done el-uzi ion)
*Li estas portreto de sia patro* (Li tre similas al la patro)
*Fari aplaŭdon[1] sur la vango[2]* (frapi iun sur la vangon)
*Tuŝe-fuŝe[3]* (supraĵe; sen iom da intereso)
*Rikolti laŭrojn[4]* (atingi el-staran sukceson)
*Naĝi kiel ŝtono* (tute ne kapabli naĝi)
*Tio premas mian stomakon[5]* (tio kaŭzas al mi zorgojn)
*Perdi la fadenon[6] de la parolo* (forgesi pri tio, kion oni volis diri)
*Havi muŝojn en la cerbo* (esti iom-ete freneza[7])

1. aplaŭdi: frapadi la manojn kunen pro plezuro/ 2. ĉiu el la du flankoj de la vizaĝo/ 3. fuŝi: mis-fari ion; difekti ion/ 4. laŭro: arbeto, el kies folioj oni faris plektaĵon, kiun oni donis kiel premion al venk'into/ 5. sako en la ventro, en kiun iras la manĝaĵoj/ 6. fadeno: maldika ŝnuro/ 7. difekta en la kapo.

# KVIN AMIKOJ

Dimanĉe, kvin amikoj volis komune ekskursi kaj viziti interesajn lokojn en la ĉirkaŭ-aĵo. Sed okazis pluraj malfacilaĵoj, ĝis ili fin-fine ek-veturis:

— *Roberto* venis al la renkontejo malfrue, ĉar la *tramo* malfruis.
— ankaŭ *Georgo* malfruis. Li venis per *biciklo*, sed havis difekton dum la vojo;
— tiu, kiu venis per *vagonaro*, ĝojis ke, dum la vizito al la kastelo[1], li povos rigardi la kolekton de antikvaj[2] *ludiloj;* sed *Mirko* interesiĝas pri antikvaj *pafiloj;*
— la *biblioteko* de la kastelo logas[3] tiun, kiu kun-prenis *gitaron*[4] kaj al-venis per *aŭtobuso;*
— tiu, kiu volis viziti la *grotojn*[5], volis al-porti *manĝaĵon* por ĉiuj, sed li forgesis tion;
— Roberto, kiu kunportis *land'karton,* havas intereson pri *ŝtonoj,* kiujn li volas serĉi por sia kolekto;
— tiu, kiu venis *piede,* ne estis *Petro;*
— *Miĥaelo* kunprenis *pilkon;*
— unu el ili zorgis pri *trinkaĵoj.*

Laŭ ĉi tiuj informoj, skribu al ni: kia-maniere ĉiu, el la knaboj, venis al la renkontejo, kion ĉiu el ili devis kunporti, kaj pri kio ili interesiĝas.

Sendu la solvon al s-ro *Dieter Berndt,* Berolinastr. 2.; DDR-102 BERLIN, antaŭ la 1-a de septembro 1980.

1. tre bela domego de riĉulo/ 2. tre malnova; pra-tempa/ 3. al-tiras/ 4. muzika instrumento/ 5. malplen'aĵo en monto.

## ŜERCAJ DEMANDOJ

*Kiam diras hindo: „Bonan matenon!"?*

*Kiam li scias paroli en Esperanto.*

*Kio estas la multe-nombro de „soldato?"*

*Ĝi estas armeo*[1].

*Kia iĝas verda tuko en la blua Danubo?*

*Ĝi iĝas malseka.*

*Kio ek-estas, kiam dek Nederlandanoj diskutas pri Rembrandt?*

*Ekestas bruo.*

1. aro da milit'istoj.

# PIONIRO DE LA HOMA KULTURO

*Dora Andersson* (Svedio)

## *Alfred Nobel 1833-1896*

## HOMO KUN INTERNACIA ANIMO

Eble, kelkaj svedoj jam estas al vi kon'ataj, ĉar ili aperas sur via televida ekrano[1], dum sportaj konkursoj. Se iu sportulo plurfoje gajnas ĉampionecon[2], la gazetoj multe skribas pri li. Certe, la atingoj de tiuj personoj estas admirindaj.

Eĉ pli admirindaj estas, laŭ mia opinio, la atingoj de, ekzemple, la germano *Wilhelm Konrad Röntgen,* la anglo *A. Fleming,* la pol'de-vena francino *Marie Sklodovska-Curie* kaj la italo *Guglielmo Marconi.* Kial? Ĉar iliaj atingoj tre utilis ne nur al unu-opaj homoj, sed al la tuta homaro. Ankaŭ tiuj homoj estis premiitaj. Oni nomas ilin Nobel-premiitoj. Ili ricevis medalojn[3] kaj grandajn mon'sumojn dank' al la testamento[4], kiun post-lasis la svedo *Alfred Nobel.*

*Alfred Bernhard Nobel* naskiĝis en *Stokholmo* la 21-an de oktobro 1833. Lia patro estis arkitekto[5] kaj inĝeniero kun granda emo eksperimenti[6]. Pro granda perdo, lin trafis bankroto[7] kaj, en 1842, la malriĉa familio trans-loĝiĝis al *Peterburgo,* la nuna *Leningrado.* Tie, la patro konstruis sub-marajn minojn[8] por la rusa reg'ist'aro, kaj la ekonomia situacio[9] de la familio fariĝis bona. Alfred kaj liaj fratoj ricevis bonan edukon kaj praktikis ĉe la patro. Alfred iĝis kemia inĝeniero.

Kiam Rusujo ne plu mendis minojn, la gepatroj, kun la plej juna filo, re-venis al Stokholmo. Bedaŭrinde, tiu filo mortis pro eksplodo en la laboratorio[10] de la patro. La du aliaj fratoj de Alfred restis en Rusujo, kaj sin dediĉis[11] ĉefe al armil'produktado kaj al ekspluatado[12] kaj trans-portado de oleo.

Post longe-daŭra stud'vojaĝo kaj praktiko ekster-lande, Alfred helpis al la patro en la produktado kaj vendado de nitroglicerino[13].

Spert'inte la malavantaĝojn[14] de tiu eksplodema fluaĵo, Alfred Nobel inventis[15] solidan[16] ekspodaĵon, kiun li nomis dinamito. Li akiris patenton[17] pri ĝi en multaj landoj, kaj li aranĝis grandajn spektaklojn[18] por montri la avantaĝojn de dinamito. Kun brila sukseso! Oni uzis dinamiton, ekzemple, por bori la tunelon[19] *Sankta Gothardo* tra la *Alpoj,* kaj por krevigi ercon[20] en minejoj.



Baldaŭ li havis dinamit'fabrikojn en multaj landoj.

Alfred Nobel inventis ankaŭ aliajn produktojn (ekzemple korditon = pulvon nefuman), kaj labormetodojn, kaj akiris en-tute 85 patentojn. Li ricevis la oran medalon de la Sveda Akademio de Sciencoj, kaj iĝis honora doktoro de la universitato en *Uppsala.*

Alfred Nobel havis intereson ankaŭ pri literaturo, kaj multe interesis lin la pacmovado. Tiun intereson forte stimulis[21] lia iama **sekretarino[22], *Bertha von Suttner,*** kiu, en 1890, vekis grandan atenton per sia libro „For la batalilojn!"

Alfred Nobel, kiu, dum siaj lastaj jaroj, ofte estis malsana, mortis en *San Remo,* Italio, la 10-an de decembro 1896. La en-teriga ceremonio okazis en Stokholmo la 29-an decembro.

Jam la 4-an de januaro 1897, sveda gazeto publikigis lian testamenton, laŭ kiu la plej granda parto de la post-las'ita kapitalo[23] fariĝos fonduso[24]. Ĝia rento[25] estos, ĉiu-jare, divid'ata en kvin egale grandajn partojn, kaj estos dis-don'ata al personoj, *kiuj plej multe aŭ plej bone utilis al la homaro* en la kampoj de fiziko, kemio, fiziologio aŭ medicino[26], literaturo kaj laboro por-paca.

La literaturan premion ricevas tiu, kiu kreis la plej bonan „idealan" verkon; la pacpremion tiu, *kiu „plej multe aŭ plej bone agis por la inter-fratiĝo de la popoloj".*

La ricev'ontojn de la kvar unue menciitaj premioj elektas svedaj sciencaj akademioj kaj institucioj. Pri la pacpremio decidas komisiono[27] de la norvega parlamento.

La Nobel-premioj estas solene[28] dis-don'ataj en *Stokholmo* kaj Oslo la 10-an de decembro, kiam estas la festo-tago de *„Nobelstiftelsen",* la Nobel-funduso. Eble, vi povas tiam televide sekvi la dis-donon.

1. bildo-kampo de televidilo/ 2. ĉampiono: la unua en iu branĉo de sporta konkurso internacia/ 3. medalo: distinga ora disketo por merit-ulo/ 4. antaŭ-morta decido pri sia havaĵo/ 5. inĝeniero, kiu planas konstruaĵojn/ 6. fari provojn por konstati la veron pri io/ 7. subita perdo de la havaĵo; malriĉiĝo/ 8. mino: loko sub la tero, el kiu oni el-tiras feron, oleon, karbon k.t.p./ 9. tuto de la kondiĉoj, en kiuj iu troviĝas/ 10. laborejo; eksperimentejo/ 11. sin donis/ 12. ekspluati: tiri el io aŭ iu utilon; el-mini/ 13. tre danĝera eksplodaĵo/ 14. maloportuneco; danĝero/ 15. el-pensis ion novan/ 16. solida: malflua/ 17. ŝtata permeso ekspluati sian inventon/ 18. spektaklo: vid'ind'aĵo/ 19. koridor'ego tra monto/ 20. erco: mineralo, kiu en-tenas utilan metalon/ 21. antaŭen-puŝis/ 22. sekretario: afer'gvid'anto/ 23. la tuto de ies havaĵo/ 24. kapitalo, destinita por aparta celo/ 25. ĉiu-jara gajno pro la uzo de kapitalo/ 26. kurac'arto/ 27. por-tempa komitato kun iu celo/ 28. inter ne-ordinaraj cirkonstancoj.

## *Ĉu vi scias, ke...?*

(1) *La kamelo*[1] *povas trinki, je unu fojo, ĉirkaŭ 50 litrojn da akvo kaj, poste, povas resti, sen trinki, dum du semajnoj.*

(2) *Unu muŝo povas trans-porti kvin milionojn da mikroboj*[2].

(3) *El dek arbaraj brulegoj, naŭ okazas pro homa sen-atento.*

(4) *Ĉiu-tage, falas mil tunoj*[3] *da polvo sur la supr-aĵon de la ter-globo.*

(5) *La sango-premo en araneo*[4] *estas sama kiel en homo.*

(6) *La delfeno*[5] *havas 96 dentojn; tamen, ĝi en-glutas la manĝ-aĵon sen maĉi*[6] *ĝin.*

1. ŝarĝo-besto de vastaj sen-akvaj sabl'aroj/ 2. unu-ĉelaj organismoj, kiuj povas kaŭzi malsanojn/ 3. tuno: 1000 kilogramoj/ 4. ok-pieda besteto, kiu plektas, por si, reton en anguloj por kapti insektojn/ 5. la plej inteligenta viv'ulo en la maroj/ 6. dis-pec'igi per dentoj en la buŝo.

### INFORMO DE LA REDAKTISTO

Ni pardon'petas pro la ekster-ordinare granda malfruo de la lastaj numeroj.

Por re-dat'igi la revueton, ni aperigos du-oblan numeron en novembro, sur 40 paĝoj.

LA RUBRIKON[1] GVIDAS
*Josef Chvosta* (: ĥvosta)
Engelsova 289,
290 01 PODEBRADY
*Ĉeĥoslovakio*
Sendu ĉiun korespondaĵon
rekte al tiu adreso!

## Klubo de Legantoj



Nia fidela leganto *Ksaver Ipsilono* (X. Y.) — vidu la bildon — sendis la apudan desegnon. Ĝi estas el libro, kiun li legis; sed li forgesis skribi kaj la titolon de la libro kaj la verkiston kaj aliajn informojn pri herooj[2], ekzemple. Ĉu vi povas solvi la enigmon[3], aŭ desegni la bildon alimaniere? Bon'volu skribi la titolon en via nacia lingvo kaj en Esperanto!

Ĉu vi povas mencii[4] aliajn librojn — en via nacia lingvo kaj en Esperanto —, en kiuj la herooj trafis insulon kaj tra-vivis, tie, aventurojn[5]?

Sendu viajn respondojn al la ĉi-supra adreso ĝis la apero de la nova (tio estas: la 20-a) numero!

KJA/2 (Gajaj humoruloj), nia vigla klubo en Berlino (GDR), ofte amuzas sin per diversaj ludoj dum siaj kun-venoj. Jen unu el ili: fantazia[6] rakonto. Ĉiu prenas skribilon kaj paperon, kaj skribas respondon sur sia papero al la jenaj demandoj. (Post respondo, ĉiu for-faldas sian respondon, por ke ĝi ne estu videbla!) Ĉies papero laŭ-vice rond'iras de lud'anto al ludanto. Fine, ĉiu voĉe legas sian paperon.

| | |
|---|---|
| *Kiam?* | *Hieraŭ vespere* |
| *kiu?* | *mia najbaro, Karlo* |
| *kion faris?* | *estis* |
| *kun kiu?* | *kun sia amikino* |
| *kie?* | *en futbal'matĉo* |
| *kun kiaj sekvoj?* | *li iĝis ebria.* |
| *kio okazis al li?* | *La patro batis lin.* |

1. parto, angulo en gazeto/ 2. ĉefa rol'ulo en iu verko/ 3. malfacile solvebla problemo/ 4. diri nur kelkajn vortojn; tuŝi aferon/ 5. interesaj travivaĵoj/ 6. elpens'ita; ne-vera.



# *LA PROGRAMO DE LA XXII-AJ SOMERAJ OLIMPIAJ LUDOJ MOSKVO*

| *Sporto-brančoj* | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | 31 | 1 | 2 | 3 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Solena malfermo* | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Atletiko | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Luktado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Ĵudo | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Remado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Hokeo | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sagado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Kajakado/kanuado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Biciklado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Mano-pilkado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Futbalo | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Rajdado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Pafado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Trampolinaj saltoj | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Boksado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Pentatlono | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Flugo-pilkado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Haltero-levado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Gimnastiko | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Naĝado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Velado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Skermado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Akvo-pilkado | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Solena fermo | | | | | | | | | | | | | | | | |

Skribu al ni, en kiuj sporto-brančoj, viaj sport'uloj atingis memorindajn sukcesojn! Ĉu vi estas kontenta pri la rezultoj de viaj sportuloj? Kiun vi konsideras la plej el-stara sportulo de la XXII-aj Someraj Olimpiaj Ludoj?

* *Serĉu la ne-kon'atajn fak'vortojn en vortaro, kaj ellernu ilin!*

JUNA AMIKO
Internacia Lerneja
Esperanto-Revuo

de la Hungara Esperanto-Asocio (H-1368 Budapest 5. Pf. 193.). Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR), *M. Boulton* (Anglio), *Y. Brion* (Francio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *As. Grigorov* (Bulgario), *R. Grinŝpan* (Sovetunio), *V. Heimlich* (FRG), *L. Jevsejeva* (Sovetunio), *R. Okumura* (Japanio), *s-ino Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *E. Raveloson* (Madagaskaro), *Z. Rehoriĉ* (Jugoslavio), *s-ino Saranath* (Hinda Unio), *T. Sekelj* (Jugoslavio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *s-ino M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio), *W. Zytynski* (Pollando). Grafikistoj: *J. Klement*, *P. Rak* (Ĉeĥoslovakio), *S. Plugor* (Rumanio), *s-ino E. Vali*, *Z. Vámos* (Hungario). Lingva kontrolo: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).

Kiadói Főig. engedélyszáma: Minisztertanács Táj. Hiv. III. (IFJ) 30/1976.




La redakcio dankas al ĉiuj, kiuj sendis al Juna Amiko bon'deziron okaze de la jarŝanĝo. La tuta redaktistaro deziras al ĉiuj niaj legantoj multan ĝojon kaj sukcesplenan novan jaron!

15-jara lernanto deziras interŝanĝi bildkartojn, poŝtmarkojn kaj korespondi tutmonde. Adreso: *Andreo Terjavjajnen*, SU-330006 ZAPOROĴIO, Poĉta-6, Do Vostrebovanija, *Sovetunio.*

15-jara knabino volas konatiĝi kun alilandaj samaĝuloj. Ŝin interesas la moderna muziko, literaturo pri amo; kolektas bildkartojn kaj poŝtmarkojn. Skribu al: *Alma Urbonaitio*, Faukértu 3 b, SU-234400 RASEINIAJ, *Litova SSR, Sovetunio.*

AFRIKAJ INFANOJ, ATENTU!

Post la redaktora artikolo „Al plenaĝaj esperantistoj" (Juna Amiko, septembro 1979) s-ro d-ro *Balázs Szemők* (Pozsonyi út 2. H—2727 CEGLÉDBERCEL, *Hungario)* volonte abonos al Juna Amiko por Afrika infano.

Instruistoj, kurs'gvidantoj, geknaboj! Se vi konas Afrikan infanon, kiu deziras havi nian revuon, skribu lian/ŝian adreson al s-ro *Szemők*, al kiu la redakcio antaŭ-dankas.

Ni esperas, ke lian ekzemplon sekvos kelkaj helpemaj samideanoj.

# humuro

1. pensis profunde/ 2. publika manĝejo/ 3. zono, farita el ledo/ 4. vana: senrezulta; sen-cela.

## EN RESTORACIO[2]



„Ĉu vi opinias, ke mi manĝos tian rimenon[3] ? ! Al-voku la ĉefon!"

„Estas vane[4]; eĉ li ne povos ĝin manĝi."



*„Panjo, vi havas jam kelkajn grizajn harojn", diris la et'ulo Tadik.*

*„La gepatroj griziĝas", respondis la patrino, „se la filoj ne obeas".*

*Tadik iom meditis[1], kaj kontraŭ-diris:*

*„Nun, mi bone komprenas, kial la avino tute griziĝis."*



*La instruisto parolis pri la feliĉo.*

*„Ĉiu", li diris al la lernantoj, „devas fari ion, kio feliĉigas homojn. Kiu el vi povas prezenti ekzemplon el sia vivo?"*

*Tomaso ek-staris kaj respondis:*

*„Hieraŭ, mi estis gasto ĉe la avino; kaj ŝi estis tre feliĉa tiam, kiam mi foriris."*

ÁRA: 7,— Ft